„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. S 2.35, 1/4 j. S 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio:** Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 2 (117 en la vico). Wien, la 5. de februaro 1935. 12. jaro

## Grando kaj forto.

Ĉiu spirita movado estas mezurebla laŭ du flankoj: unue laŭ ĝia amplekso, t. e. per la nombro de ĝiaj anoj kaj simpatiantoj, per la nombro de ĝiaj eldonaĵoj kaj publikaj aranĝoj; kaj due laŭ ĝia interna forto, t. e. laŭ la spiritaj povoj de ĝiaj adeptoj, ilia kore fundita entuziasmo, iliaj inteligenta scio kaj lerta propagando kaj ilia agordita volo kaj celkonscia, energia agado. La historio de la grandaj movadoj, ĉu religiaj, ĉu kulturaj aŭ politikaj unuiĝoj, instruas, ke ĉiam la komenca agado de la fondintoj kaj malmultegaj unuaj disĉiploj havas la plej grandan internan forton, kaj kun la disvastiĝo de la movado la internaj fortoj malpliiĝas, kvazaŭ konstanta kvanto de ideaĵo estus dividata pli kaj pli multfoje.

Neniu movado povas daŭre eviti tiun-ĉi psikologie kondiĉitan evoluon. Sed kiam, kiom kaj kiel ĝi suferas tiun fatalon, tio dependas de ĝiaj esencaj ideoj kaj ĉu ili estas fruktigeblaj en la reala vivo de la homoj.

La esperantismo havas grandan avantaĝon antaŭ aliaj spiritaj movadoj. Ĉar ĝi estas ne nur idea ismo, imperative ŝvebanta super la teronaturo de la homo, sed ĝi estas firme apogita, plivere korpigita per la lingvo, viva ujo de l' idea fajro, naturfunkcie nutradata de la homa parolemo. La lingvo estas la centra fenomeno de la homa korp-animo. Ĝia grandega signifo por la spirito kaj socia evoluo de la homaro ne bezonas longan klarigon. Estas ja la lingvo ne nur la esprimilo, sed la formo mem de la ideoj, kiuj tute ne povus disvolviĝi sen ĝi. Ĝi estas kvazaŭ la tekniko de l' spirito, kiu ne povus moviĝi sen ĝi. La lingvo estas ankaŭ la fundamenta kondiĉo de la homa socio. Ĝi malizoligis la individuon kaj formis naciojn kaj kulturojn. Kaj tiuj-ĉi estas naciaj, ĉar ligitaj al naciaj lingvoj. La korp-anima fenomeno de la lingvo regas kaj individuon kaj socion.

Tial ideo, portata de lingvo, estas bone bazita kaj ege vivikapabla. Tion ekzemple pruvas la nacia ideo, forte radikanta en la grundo de la nacia lingvo aŭ la humanismo sur la bazo de la lingvoj greka kaj latina. La internacia ideo de Esperanto egale bone radikas en la esenco de la lingvo internacia.

Kaj tio-ĉi estas la esenco de la ideo Zamenhofa: homoj, kiuj parolas komunan lingvon, ne povas rigardi unu la alian kiel fremdulon aŭ eĉ kiel naturan malamikon (kiel tion faris la nacioj ĝis nun), sed ili interamikiĝos, akirante per la komuna lingvo ne nur la eblon interŝanĝi pensojn kaj sentojn, sed akirante per ĝi ankaŭ komunajn interesojn kaj komunan idearon. Eĉ se oni volus akcepti la tiel nomitan „internan ideon“ de Esperanto, tio restas enlingvigita la granda heredaĵo de d-ro Esperanto, kaj ĝi plenumiĝos en tiu grado, en kiu Esperanto vivanta ĉirkaŭplektos la mondon. La ideon portas la lingvo kaj la lingvon gardas la Fundamento, plej saĝa aranĝo de la verko Zamenhofa.

Esperanto do enhavas gravajn garantiojn por sia evoluo: la disvastiĝadon garantias la natura propagandemo de la esperantistoj, kaj ĝuste de la junaj, ĵus finlernintaj, ĉar ili volas ja Esperante paroli kun aliaj; la multmanieran aplikadon instigadas la pli kaj pli kreskanta internacia interkomunikiĝado; kaj la „internan ideon“ gardas la korp-anima karaktero de la lingvo, kiu per sia nura ekzisto kreas homaran spiriton.

Tamen ankaŭ Esperanto ne povas eviti la supre skizitan fatalon.

Granda, almenaŭ relative tre granda, disvastiĝo de Esperanto estas pruvita per milionoj da venditaj lernlibroj, pli kaj pli densiĝanta reto de delegitoj de la Universala Esperanto-Asocio super ĉiuj partoj de la terglobo, riĉa literaturo originala kaj traduka, internaciaj ĵurnaloj kaj fakaj gazetoj; aplikado de Esperanto jam enpenetris publikajn instituciojn, kiel foirojn, fremdul-oficejojn, poŝton kaj radion; kreskas la oficialaj rekonoj de Esperanto flanke de la instru-aŭtoritatoj kaj de la registaroj mem; ekatentas precipe la malgrandaj popoloj kaj prenas la servon de Esperanto por aŭdigi sin apud la grandnacioj.

Ĉio-ĉi konstante pligrandigas la amplekson, sed - ho ve - ne ankaŭ la fortecon de la movado; ĝi jam disvastiĝis tiel multflanke, ke diversaj fakaj branĉoj kaj branĉetoj ege baraktas kaj kelkfoje ekmortas pro manko de suko.

Jes, la interna evoluo ne respondas al la ekstera. Jam de kelkaj jaroj oni povas en la Esperanto-gazetaro legi plendojn pri la malvigliĝo de la esperantista vivo. Kvazaŭ la multbranĉa apliko de Esperanto dissuĉus la sangon el la koro kaj el la vejnoj de la movado. Kaj la evidenta misrilato inter la amplekso kaj la interna forto estas des pli konsiderinda, ĉar ĝuste nun la politikaj maltrankvilo kaj apartiĝemo de multaj ŝtatoj estas malfavoraj al internaciaj aspiroj.

Malgraŭ tio, pli vere ĝuste pro tio, ni reprezentantoj de la esperantismo, ne perdu la kuraĝon, sed turnu nin,

konsciaj pri la grandaj taskoj de la lingvo internacia, al la plifortigo de niaj vicoj kaj al plivigligo de la vivo en kaj inter niaj vicoj. La ekstera disvastiĝo de Esperanto dependas de multaj cirkonstancoj, grandparte publikaj (politikaj, ekonomiaj, kulturaj), kiuj ne estas influeblaj de la esperantistoj-propagandantoj. Sed la interna evoluo de la movado dependas ĉefafere de la konscio kaj volo de la esperantistoj mem kaj de la maniero, laŭ kiu ili uzas sian lingvon. Kvankam la Bulonja deklaracio lasas plenan liberecon al ĉiu, uzi Esperanton por kiaj ajn celo, tamen ja ne estas egale, por kiaj celoj oni uzas Esperanton. Literaturo kaj ĉiutaga konversacio donas al la lingvo enhavon, valoron kaj direkton, kaj ĝia uzo destinas ĝian sorton. Rigardante la altan celon de Esperanto, kiu formas la lingvan fundamenton por tuthomara kulturo, ni ne permesu al ni kontentiĝi je la teknika flanko de la afero, la kiel eble plej granda disvastigo de la lingvo. Ni uzu Esperanton mem pli bone kaj pli forte, kaj nur por noblaj celoj, ĉiam ĝin parolante inter ni, vivigante kaj riĉigante ĝian literaturon, kulturante la spiritajn problemojn de la homaro de sur elrigardejo supernacia. Ni lasu iomete la eksteran propagandon, la disvastiĝo jam ne ĉesos, kaj plivigligu la sangocirkuladon en la la vejnoj de nia movado, por ke ĝiaj pulsoj batu pli forte kaj fluu la sango en ĉiujn branĉetojn ĝis nun kreskintajn. Tiam ĉiuj branĉoj ekkreskos pli rapide kaj pli freŝe kaj disportos la fruktojn de la lingvo internacia en ĉiujn angulojn de la mondo.

E. Werner

**La ĉefartikolon por la marta-numero verkos Nikolaus Hovorka.**

La grupoj, kiuj mendis por siaj membroj 10 gazetabonojn ricevos monate kiel donacon fremdlandan gazeton, kiuj mendis por 20 po 2 diversaj.

Ni dankas al la fervoruloj, kiuj varbis abonantojn por AE kaj »Zweite Sprache! Ni publikigos la nomojn!

## Februaro.

(El „Ama Kalendaro“ de „Wachauer Vagantenbrevier“ de V. O. Ludwig. Reinhold-Verlag.)

La mond' laŭ arlekena kod'
Paradas nun vantece
Kaj Am' pro ŝtelirema mod'
Eĉ agas malpli dece.
La mondon pie trompas ŝi,
Kaŝ-ruzulin' sentaŭga, fi!
Benata tamen, dolĉa bal'
De Am', fein' de l' karnaval'.

**Alvenis jena letero:**

Redakcio de »Aŭstria Esperantisto«,
Wien I. Neue Burg.

23. januaro 1935.

Tre estimataj samideanoj,

Ni ĵus ricevis la n-ron 1 (116) de via organo, kiu komence de la nova jaro prezentiĝas en nova aspekto.

La pligrandigo de la formato esperigas kreskon de la graveco de via organo, la aparta germanlingva aldono »Die zweite Sprache für Alle« estas bonega komplemento de la tuta gazeto.

Ĝi forte kunhelpu al la plifortiĝo de la E-movado kaj organizo de la movado en Aŭstrio kaj estu samtempe efika subteno en la preparo de la venontjara Universala Kongreso de E en via lando.

Bonvolu akcepti . . .

Universala Esperanto-Asocio
L. Bastien m. p. Prezidanto — Rob. Kreuz m. p. Direktoro

Zorgu pri la memoro de nia neforgesebla majstro! Enprofundigu vin en la animon de tiu modesta homo, kiu kreis tiel grandan movadon, la esperantistan!

Tial ĉiu nepre bone konu la »Kongresparoladojn de d-ro Zamenhof« kun germana traduko de d-ro Pfeffer.

## Kara leganto!

Ni esperas, ke ni kontentigas vin, sed ni ankaŭ petas, ke vi afable subtenu nin pagante vian abonprezon.

Estas nun ankaŭ por ni malbona tempo kaj pro tio ni nepre devas insisti pri pago de la abonprezo por 1935 ĝis 15. de februaro. (S 4.60 aŭ 2 po 2.35 aŭ 4 partp. po 1.20.) Do pagu tuj! Vi certe forgesisis tion fari!

La red.




**Adreso:** Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.

**Kongreskotizo:** Nur ĝis fino de aprilo Liroj 80 (fam. 48, jun. 32), poste 90 (54, 36) kaj fine L 100 (60, 40).

**Vojaĝo tra Italujo:** L 498.—, vidu la decembran numeron de AE.

**Krozado** de L 355 ĝis 680. La manĝoj estas egalaj por ĉiuj, la diferenco en la prezo estas nur en la diverseco de la kajutoj. Tuj kun la sinanonco oni devas pagi la kotizon kaj almenaŭ 200 L kiel unuan partpagon. Ĝis la 20. de junio la tuta prezo devos esti pagata. Estas eble revoki sian aliĝon por la krozado ĝis la 20. de junio, se oni trovos anstataŭanton en la sama kategorio. Sen tio, oni rericevos la kotizon minus procentaĵo da 12 %; poste oni nur rericevos parton de la kotizo.

**La XXVII. en Roma** estu solena pruvo de la tutmonda disvastiĝo de E, signifoplena mejloŝtono en la historio de la movado, ĝi estu venka batalo, kaŭzonta novan orientiĝon de l' publika opinio! Estas nepre necesa grandskala aliĝado de Asocioj kaj Institucioj esp.-istaj kaj neesp.-istaj, lernejoj, komercaj kaj industriaj societoj, bankoj, foiroj ktp. kiel „Helpkongresanoj“ kun kotizo da 40 L.

**Ĉiuj** E-organizoj kaj grupoj en ĉiu lando, urbo, urbeto, vilaĝo de l' mondo sentos sian respondecon kaj aliĝu kaj senhalte kunhelpu! Tia solena „unuanima voĉdonado“ esperantista en Roma certe altiros la atenton de la Itala Registaro kaj — pro ties granda influo — ĝi fine vekos la intereson de la tuta mondo.

Anoncu vian aliĝon al la kongreso pere de Int. Esp.-Muzeo.

## William Lassell disbatis sian teleskopon.

De Erich Dolezal.

(Fino.)

Mi observis en ĉi tiu nokto la Orion-nebulon, kiu prezentis en la lumforta, videbla spaco de mia vidilo mirindan aspekton. La ĥaosa lumaĵo preterpasis mian okulon kun nebulŝtraĵoj, lumŝvelaĵoj, malhelaj kavaĵoj, fantazie formitaj, difuze lumantaj formaĵoj kaj enmiksitaj steloj. Mi provis desegni tiujn partojn de Orion-nebulo, kiuj ekstere de la konata interna parto ĉirkaŭ la trapezo (grupo de kvar tre proksimaj steloj) etendiĝas ankoraŭ malproksime en la ĉirkaŭantan ĉielparton. Estis videblaj tute malforte lumantaj, fantome tuŝantaj nebulpostsignoj sur la velurmalhela ĉielfono. Mi estis enprofundiĝanta en mia laboro, sidis sur la observatoria turo kaj glitigis en la tute malforta lumo de observlampo la okulon inter la teleskopa bildo kaj desegnopapero tien kaj reen. Subite mi ekvidis en la bildo ŝanĝon. Supre aŭ tra la malklariĝinta bildo de Orionnebulo nova aperaĵo ektrabriletis, kiu ĉiam fariĝis pli klara des pli mia okulo akomodiĝis, kutimiĝis al la malhelo. Min ekkaptis grandega ekscitiĝo, mi estingis la observlampon kaj lasis la desegnaĵon nefinita. Mi plurigardis kun streĉa rigardo. En la videbla spaco la bildo akceptis ĉiam pli klarajn, preneblajn formojn. Mi maltuj vidis ekaperi la konturojn de domo en ne priskribebla, pala brileto, kiu vibris kiel varmega aero. Kiu domo estas ĉi tiu — jes — sendube — ĉu mi estas senkonscia — tiu ĉi estas mia domo sur Malta kun la verando, sur kiu mi kutimas dormi. Fakte, ne povas esti mistifiko. Nun ankaŭ la objektoj fariĝas klare videblaj, mia granda pendolhorloĝo, mia librobreto, la tablo kun kelkaj malfermitaj astronomiaj verkoj, la lito — kaj en la lito — mi preskaŭ ne riskas spiri — kuŝas homo; Dio estu favora al mi, tio mi mem estas. Mi kuŝas en ĝi, kiel mortinta, mi rekonas precize mian vizaĝon, ĝi estas rigida, la okuloj malfermitaj, ili malplene rigardas. Sed — nun movo venas en la bildon, pordo malfermiĝas kaj persono eniras. Nenia dubo, estas Giacopo, mia sicilia servisto. Li paŝas al mia lito, tuŝas mian manon, restas momenton rigide, poste li levas ĝin kaj ĝin faligas. Ĝi malsuprenfalas senforta. Giacopo palpas al mia koro, poste li faras la signon de l' kruco, kondukas sian manon trans miajn okulojn, ekgenuas kaj faldas la manojn al preĝo. Nenia dubo estas ebla, mi vidas tra mia teleskopo en la senfino de la spaco, el la konstelacio de Oriono, min mem kiel mortinton. Io malvarme tuŝas mian koron, mi preskaŭ ne kuraĝas spiri. Malespera scivolemo min ekkaptas, miaj okuloj traserĉas la vandon — nun ili trovis la serĉiton — tie pendas la kalendaro, mi ĵus ankoraŭ povas deĉifri ĝiajn indikojn. Li montras la 23. de decembro 18.., do dek tagojn estis permesate al mi rigardi en la

## El la evolu-historio de l' biciklo.

De Franz Vasta.




La invento de la biciklo estas germana, kvankam ankaŭ, kiel en multaj aliaj okazoj, la germana ideo trovis sian unuan praktikan utiligon nur en la eksterlando.

En la jaro 1817 inventis la Baden-a arbaristo barono Drais (ne elparolu false france, sed „drajs") maŝinon, kiun oni povas nomi la originon de la unua biciklo. Lia veturmaŝino konsistis ĉefe el du radoj, unu malantaŭ la alia, kunigitaj per stango, sur kiu troviĝis simpla selo (fig. 1). La antaŭenmoviĝo okazis tiel, ke la veturanto depuŝis sin alterne per la dekstra kaj maldekstra piedoj, per kio oni povis atingi vetur-rapidecon ĝis 8 km pohore. La direktil-stango estis tiel konstruita, ke la malsupraj brakoj povis esti apogitaj.

La inventaĵo estis granda sensacio kaj trovis unue altan ŝatecon en la sportaj rondoj de Anglujo. Tie la veturilfabrikanto Johnson (elp. dĵonsn) havigis al si patenton por la fabrikado de bicikloj kaj eĉ malfermis specialan „kurejon" por la lernado de l'bicikla veturo, kun la kurioza nomo „Piedirantoj-bastonĉevalet-rajdlernejo". La publiko baptis la novspecan veturadon je (dando-cevalo). Nur en la sesdekaj jaroj de la pasinta jarcento la biciklo trovis ĝeneralan intereson.

La franca fabrikanto Michaux (elp. miŝó) vekis 1868 dum la Pariza mondekspozicio per sia biciklo tiel grandan atenton, ke li povis tuj instali la unuan biciklofabrikon de l'mondo.

Ĉirkaŭ la jaro 1880 evoluiĝis en Anglujo la alta vetur-rado aŭ „velocipedo" (fig. 2), kiu fariĝis baldaŭ populara, ĉar ĝi jam estis ekipita per radradioj el drato, glob-lagroj, pedaloj kaj pneŭmatikoj (inventaĵo de l'dentisto Dunlop). La veturo per tiu ĝis 1·5 m alta velocipedo estis sufiĉe danĝera. Por la virinoj estis konstruita triciklo, je kiu inter du altaj radoj troviĝis la selo, malantaŭa rado servis por stabiligo. Nur kiam oni — denove en Anglujo — konstruis la malaltan vetur-radon kaj fine du-sidan bicikleton aŭ „tandemon" (fig. 3), komenciĝis la epoko de la bicikla sporto.

Estas interese, ke la aŭstria aristokrataro longtempe malŝatis tiun-ĉi specon de sporto kiel „maleleganta". Ĝi ŝanĝis sian antaŭjuĝon nur tiam, kiam en 1905 la plej juna filino de imperiestro Franz Josef I., la arkdukino Marie Valerie, komencis promen-veturi per biciklo sur la belaj stratoj de la somerrestadejo Ischl, sen akompano, tute burĝmaniere.

Nuntempe oni senescepte uzas la malgrandan biciklon (fig. 4) kun malalte muntita direktilstango; spite al ĝia malpezeco ĝi bonege servas al multaj postuloj de la ĉiutaga vivo.

*

La kliŝon disponigis „Neues Wiener Tagblatt.



**Urania-Altlernejo, Wien.** Kurso por senlaboruloj, reg. kons. Steiner. Vidu la koncernan afiŝon.

**Intern. Esperanto-Kurso** por geoficistoj de fervojoj, tramoj kaj aliaj trafikiloj en Arnhem, 2.—12. majo. Aliĝoj al Int. Cseh-Instituto de Esp., Riouwstr. 172, Haag, Nederl.

La **nederlanda Fervojdirekcio** donis al 25 konduktoroj apartan libertempon por tiuj ĉi kursoj.

Sur moderna, luksa ŝipo **Neptunia** de la kompanio Cosulich-Trieste la ŝipkapelano prof. Stellacci, faris propagandparoladon pri E dum la vojaĝo el Sud-Ameriko. Kurso sur la ŝipo kun oficiroj kaj maristoj gvidota. Raportu en aŭstriaj gazetoj kaj sendu ekzemplerojn al la prof., St. Vicoletto, Trinitá Spagnoli 3, Napoli.

**‚The Manchester Guardian Weekly'** (18. I.) deklaras, ke ne Esp. sed la angla lingvo estas la plej bona interkomprenigilo, ĉar eĉ la elparolo ne estas tre malfacila.

---

estonton. En ĉi tiu momento la bildo ekmigradis en la vidilo, iom post iom ĝi malaperis el la videbla spaco, anstataŭe estis videblaj novaj bildoj, pejzaĝoj, domoj, urboj, maroj kaj dezertoj, sed mi estis kvazaŭ senkonscia. Mi kuregis de mia observturo en mian studejon kaj tuj eknotis la viditon.

Mi faris la decidon, dispecigi mian spegulon, por ke neniu homo povu plu vidi sian propran morton. La homoj ne tiel baldaŭ komprenos konstrui same bonan teleskopon kiel mia estis. Mi scias nenian komenton por mia observo, mi ne povas esplori, kiel la estonteco densiĝis en la bildo de la Orion-nebulo kaj estiĝis videbla al miaj okuloj. Mi nur scias unu, ke tiu rigardo estis terura, kiun neniu alia homo travivu. Pro tio mi volas dispecigi mian vidilon kaj finis kun la konscio, scii en dek tagoj pli ol hodiaŭ. Ĝis tie Dio estu favora al mi. William Lassel

Silente mi flankenmetis la paperon. Tempspacon mi ne sciis, kie mi troviĝis. Nur kiam Sir Herbert Lassell direktis siajn okulojn al mi, mi venis al klara konscio. La scienculo demandis: „Ĉu vi juĝas ĉi tiun dokumento kiel veran observadprotokolon aŭ kiel skriban fiksadon de vizio? Sed fakto estas, ke mia praonklo mortis je tiu tago, kiun li povis legi sur la kalendaro."

„Eble", mi respondis, „interpretado troviĝos per la moderna scienco. — Ĉu vi konas la strukturon de la sferforme kurbigita arbo?" Lassell kapjesis: „Ke lumradio revenos post centoj da milionaj jaroj al sia elirpunkto." — „Jes", mi diris. „tiam ni povus tion vidi, kio okazis antaŭ ĉi tiu tempospaco sur la sama loko de la spaco. Tiam certe ankoraŭ ekzistis neniu tero, neniu suno, aŭ se ĝi estis estiĝinta, ĝi ŝvebis malproksime, malproksimdistance. Devas esti estinta do alia tero, alia mondo, sur kiu ĉio okazis." — „Kaj ĉi tiu mondo tute similis — pli bone — estis la sama, kun la samaj estaĵoj, kun la samaj sortoj kiel la nia", aldonis Lassell. — „Strange", mi murmuris." „Tio estus eterna reveno, sen ke ni scius, kio iam estis."

„Jes", diris Lassell, „kiel la sezonoj ĉiam revenas. Sed tio nur estas komparo. Ni ĉiukaze malkovris enigmon, sed ne por ĝin solvi, sed por kontraŭstari novan. — La ĉiama tragiko de nia scienco! Sed unu mi scias, mi neniam plu povos rigardi tra vidilo sen maltrankvilo." — „Mi opinias", mi respondis, „via timo estas senkaŭza. Estus teminta nur pri unufoja aŭ ege malofta aperaĵo, kiu estis motivita en speciale karakteraj cirkonstancoj en la strukturo de la spaco, kiun ĉi tiuj lumradioj trapasis. Ĉar, ke la bildo montriĝis tiel pligrandigita, estas sufiĉa pruvo por mia supozo. Sed malgraŭ tio, Lassell pravis, kiam li dispecigis sian spegulon."

**Kursoj en Wien:** Du ĉe poŝto, ejo disponigita: 1 ĉe E-Klub **Wien.** Gvid. Steiner.

**Novaperis „Komiza gazeto“, 6-**paĝa, multobligita, en Gunnarstorp, Fako 34. Prezo 1 resp. kup.

---

**Esperanto-Klub,** Wien I. Schautlerg.4.

**Lumbildparolado** la **8. februaro,** 20 h, Anton Derks pri »Karintio«.

**Granda poeta vespero la 7. marto.** Kaffee Siller, I. Schwedenplatz.

---

Estis invitataj jenaj verkistoj, laŭtlegi el siaj humorplenaj verkoj:
Maria Antoinette Hruby,
s-ino Kienzl,
Viktor Anton Psenner (kun la interpretistino Hilda Fennes),
Ernst Scheiblreiter,
Ferdinand Schell-Noe,
Baronino Vesque,
Dr. Franz Josef Zehden.

La interligajn vortojn parolos **Nikolaus** Hovorka en germana lingvo kaj Esperanto. Venigu gastojn.
**Komenco 20 h. Eniro senpaga.**

## Sonoj kaj resonoj el la Esperanta Gazetaro.

Redaktas: D-ro Emil Pfeffer.

„Al ĉiuj UEA estas malfermata. Ĝi devigas neniun eĉ el niaj agemaj batalantoj, al iu aŭ alia ideo. Ĝi celas nur la triumfon de E, kaj por tio akceptas la multvaloran kunlaboradon de ĉiuj sindonaj propagandistoj, ne esplorante la internajn motivojn de tiu sindonemo. Ĝi ne forgesas, ke ĉiuj esp.-istoj, kiel ajn ili pensas pri politikaj aŭ sociaj aferoj, konsentas por deziri pliampleksigon de la praktikaj servoj, kaj ĝi klopodos por kontentigi ilin. Sed, morgaŭ kiel hieraŭ, ĉiam gvidos ĝin plej nobla supernaciismo, kiu, ofendante neniun, respektante ĉies naciecon kaj opinion, akceptas ĝoje ĉiujn bonvolajn homojn, por, pere de E, ‚krei ligantan ponton inter la gentoj‘.

Jen nia neŭtraleco.“

L. Bastien, prez. de UEA,
en „Esperanto-Genève“, n-ro 10/11, 1934

„En preskaŭ ĉiuj grupoj la aranĝo de la grupvesperoj estas diferenca, kaj starigi normon, validan por ĉiaj cirkonstancoj, ne estas eble nek eĉ dezirinde. Sed ĉiam ni bone konsciu, ke niaj kunvenoj — kiel ajn ili estas aranĝitaj — nepre priatentu du gravajn celojn: konstante perfektigi la grupanojn pri uzado de la lingvo kaj rezultigi daŭran fidelecon al la movado!

Tiujn celojn ni povas atingi nur, se la kunvenoj okazas nepre *regule* kaj sufiĉe *ofte*. La kelkloka kutimo, kunveni ĉiun duan semajnon aŭ eĉ nur unufoje en monato, neniel garantias la deziritan sukceson. Pro tio mi *plej insiste* rekomendas, kunveni minimume *ĉiusemajne*. Se ĉiam en la sama semajn-tago je fiksita horo okazas kunveno kun bona programo, la vizito al la vesperoj pliboniĝas kaj la grupa vivo mem pliviglîĝas!

W. Wingen
en „Heroldo de E“, 20. I. 1935

„E ankaŭ por ni estas ponto. Ĝi *ne nur estas ponto inter la katolikoj el ĉiuj nacioj,* sed ĝi estas ponto inter la katolikoj kaj la nekatolikoj. Ĝi estas ponto eĉ inter la katolikoj kaj la malamikoj de katolika kredo — *malamikoj plej ofte pro nescio.* Ĝi kelkfoje ebligas montri al ili la veran vizaĝon de Katolikismo, ĝi ebligas forigi multajn antaŭjuĝojn.“

Johano del Fago
en „Espero Katolika“ N-ro 121

„Ni nacisocialistoj“, tiel parolis ĵus antaŭ nelonge la Gvidanto dum la ĉijara rikolt-dankfesto sur Bückelberg, „konsideros honoron kaj vivon io nedisigebla kaj, defendante la unuan, ni sekurigos la alian. Kaj ni en ĉi tiu tempo ĉiam denove antaŭ la tuta mondo proklamis tion, kio estas konvinko kaj sincera deziro de ĉiu aparta germano: Germanlando kaj la germana popolo volas nenion alian krom la paco. Sed ili neniam rezignos je la egala rajto.“

„E ne estas nur lingva interkomprenilo, ĝi kreas pli ĝuste inter siaj anoj komunecon de l’ konvinkoj kaj la kunligitecon de l’ koroj. Tial en la E-rondoj de ĉiuj landoj estas antaŭ ĉio la tereno, kie ni devas agadi en la senco de la ĵus nomitaj vortoj de l’ Gvidanto. Ni diras: *devas,* ĉar ni konsideras tion kiel nian devon kaj ĉar ni vivas en la konvinko, ĝuste tie esti aŭdataj kaj ankaŭ komprenataj. Tio estu *nia* — pacifismo!“

Reg. kons. Schuster, landa eklezia konsilano,
germanlingve en „Germana E-isto“, 11, 34

„Ni permesas al ni, konigi al vi la laboron. faritan de *Sennacieca Asocio Tutmonda* (SAT) dum 14 jaroj.

Antaŭ ĉio necesas rimarkigi, ke la fondintoj kaj gvidantoj de tiu organizo neniam havis je sia dispono grandajn sumojn. Male, SAT eĉ estis viktimo de makiavela entrepreno, kiu forrabis de ĝi antaŭ 3 jaroj almenaŭ 100.000 fr. frankojn. Tian friponan agon faris *Sovetrespublikara E-Unio.* Malgraŭ tio, malgraŭ la fakto, ke niaj anoj plejparte estas laboristoj kun malalta salajro; malgraŭ la granda daŭra senlaboreco, reganta ĉie en la mondo; malgraŭ, ke en diktatorecaj landoj nia Asocio estas malpermesata, tamen ni povas submeti al via ekzameno jenajn pozitivajn rezultojn de nia laboro: 1. SAT okazigis 14 Universalajn Kongresojn, kiuj havis ĉiuj tre grandan propagandvaloron. 2. SAT eldonis 10 Jarlibrojn, kiujn ricevis la membroj por tre malalta kotizo. 3. SAT aperigis 4 gazetojn: a. la semajnan, 12-paĝan *Sennaciulo,* kun eldonkvanto de 5000 ekz.; b. la monatan, 16—20-pĝ. literaturan *Sennacieca Revuo,* kun eld. de 2000 ekz.; c. la pedagogian *Sennacieca Pedagogia Revuo,* kun eld. de 1200 ekz.; d. la facillegeblan kaj instruan *La Lernanto,* kun eld. ĝis 12.000 ekz. 4. SAT eldonis 53 verkojn kun entute pli ol 5000 paĝoj.

Inter tiuj verkoj aparte menciinda estas *Plena Vortaro de E,* kies dua eldono aperis antaŭ nelonge kaj kiun la tuta gazetaro tre favore recenzis.“

La Plenumkomitato de SAT
en „Sennaciulo“, 25. nov. 1934

---

## Jakob kaj la diablo.

De Franz Josef Zehden.

**Franz Josef Zehden,** nask. la 20. de junio 1892 en Gmunden, deĵoris post siaj gimnaziaj studoj ĉe Forst- und Domänendirektion en Gmunden kaj jam de la plej frua junaĝo trovis en siaj rilatoj al ĉasistoj, kamparanoj, lignohakistoj kaj aliaj originaloj de la kampara vivo riĉan fonton por sia verkista laboro, kiu konsistis unuavice en la preciza dialekta reprodukto de malgrandaj rakontoj el la vivoj urba kaj kampara kaj en malgrandaj dramaj provoj.

Poste deĵorante ĉe Ministerio de Komerco kaj Trafiko en Wien Zehden faris filozofajn studojn en la universitato kaj doktoriĝis 1932. Kiel filologo li kompreneble ĉiam havis grandan intereson por la strukturo, la uzado kaj disvastiĝo de Esperanto.

En soleca surmonta bieno en la plej malproksima arbarvalo mastrumis Jakob. Lia malgranda bieno apenaŭ nutris la grandan infanaron, kiu ludkuris en la malnova fumnigra ĉambro de Jakob. Pro tio Jakob iĝis ŝtelĉasisto, kiu mortpafis kelkan cervon, por ŝtopi la malsatajn buŝojn de siaj infanoj. Kaj kiam Jakob jam fariĝis pli maljuna kaj la infanoj unu post la alia forlasis lian domon, la ŝtelĉasado iĝis lia pasio. Li ne ĉesis, kvankam la ĉasisto de la najbara nobelbieno lin rigore observadis. Ĉi lia infanaĝo ek-kulturis malgrandan hordeokampon aŭ li plantis avenon en la proksimeco de la senarbarigita loko, kaj alian fojon li semis trifolion sur sia altsituita montherbejo, por pretigi al la frandemaj ĉasbestoj delikatan manĝejon proksime de sia domo kaj logi kelkan maltiman cerveton antaŭ sian fusilon. Kiam la fiagado de Jakob iĝis tro malica al la bienulo, li minacis sian ĉasiston je maldungo, se li ne baldaŭ malebligus tion al la ŝtelĉasisto. Nun la ĉasisto, kiu ankaŭ havis edzinon kaj infanojn en sia dometo, klopodegis surprizi iam Jakob dum liaj kaŝaj ĉasiroj. Dumtage kaj -nokte li ĉirkaŭiradis la surmontan bienon de la ĉasŝtelisto kaj ĵuris ĉe ĉiuj sanktuloj, ke Jakob estus en granda danĝero, se li nur iam lin surprizus en la arbaro. Pro tio Jakob timegis kaj arde deziris trovi rimedon por esti ŝirmata kontraŭ la persekutado de la ĉasisto.

Kiam Jakob iam meznokte estis ŝtelirinta el sia domo kaj evitinta la ĉasiston, li ĉasiradis en senhoma arbardensejo tiom longe, ĝis kiam li



Niaj abonantoj bonvolu **sendi la tradukaĵojn ĝis 25. de l' monato al AE sub koverto kun la surskribo „Konkurso“. La nomon ne skribu sur la manuskripton sed aparte** sur papereton.

La juĝantaro (d-ro **E. Pfeffer, reg. kons.** F. Stengel kaj E. **Werner) ricevos la tradukaĵojn** sen **la** nomoj.

Premioj: 1. Kongresparoladoj de Zamenhof (175 pĝ.) de d-ro Pfeffer, 2. „Freude durch Esperanto“, 3. „Krucumo de Drozdov.

La nomoj de la **gajnintoj estos publikigataj kune kun la plej bona tradukaĵo.**

## Chinesische Anekdote. Lästige Nachbarn.

Ein stiller Bücherfreund wohnte mitten zwischen einer Kupferschmiede und einer Eisenschmiede. Den ganzen Tag über dröhnte aus den nahen Werkstätten der Lärm der Schmiedehämmer an seine Ohren und raubte ihm seine Ruhe. Aergerlich wie er war, gab er seinen Nachbarn wiederholt zu verstehen, daß er ihnen ein üppiges Freudenmahl bereiten würde, wenn sie die Absicht haben sollten, auszuziehen. Eines Tages kamen sie zu ihm und teilten ihm mit, sie gedächten demnächst auszuziehen und erlaubten sich, ihn an sein Versprechen zu erinnern. Hocherfreut richtete der andere einen festlichen Schmaus her und lud seine beiden Nachbarn zu Gast. Nachdem sich die zwei an Speise und Trank gütlich getan hatten, fragte er sie höflich: „Und wohin gedachtet Ihr zu ziehen?“ Da antworteten sie vergnügt: „Er zieht in meine Wohnung, und ich in seine!“

La premiojn gajnis: **1. Mil. Oberintend. i. R. A. Lochner; 2. Franz Rotter, Wien;** 3. Lya Russmayr, **Straßwalchen. Krome venis** kontentigaj laboroj **de dir. E. Dittrich,** *Marie* Erard, F. Holey.

La tradukaĵo de n-ro 1 en marto.

## Kion Vi eble ankoraŭ ne scias:

Raportoj el la interes-kampoj: Natursciencoj, kulturhistorio kaj tekniko.

Redaktas: Franz Vasta.

**La forko** estas uzata ĉe manĝado nur dum kelkaj jarcentoj. Antaŭe oni ĝenerale manĝis nur helpe de la fingroj. Kiam nobla virino el Bizanco (Byzanz, nuna Istanbulo) edziniĝis kun riĉulo de Venecio, alportante la kutimon, uzi forkon ĉe manĝado, kaj la aristokrataro imitis tion, la pastroj malaprobis tiun-ĉi novaĵon de sur la predika pupitro en la preĝejoj.

**Alumetoj.** La 20. de nov. 1832 S. Jones en Anglujo ricevis la unuan patenton por la pretigo de alumetoj, kies „kapetoj“ konsistis el sulfuro kaj knalhidrargo kaj kiujn oni frotis sur grafit-faco. En la sama jaro Jakob Friedrich Kammerer fabrikis en Germanlando unuafoje fosfor-alumetojn. Kvankam jam antaŭe provoj sukcesis fari alumetojn, kiuj en maloftaj okazoj estis vendataj po-pece je tre alta prezo, ili tamen nur en 1832 estis disponeblaj por la praktika uzado. Ĝis tiam la homo devis pene estigi fajrerojn per ŝtalo kaj ŝtono aŭ kontentiĝi kun meĉ-fajrigilo.



Red.: Erika Linz, Wolfpassing

## Recepto por sorĉi.

Se vi kaj via amiko estas kapablaj lerte kalkuli, vi povas veti, ke unu el vi povas diveni ĉiun ajn nombron: la amiko eliru kaj oni diru al vi nombron. Vi petu de la ĉeestantoj diversajn monerojn aŭstriajn aŭ fremdlandajn, validajn aŭ antikvajn, tute egale. Ĉia monero montras sur unu flanko la valoron de la monero kaj sur la alia flanko iu ajn bildon.

La „valorflanko“ por nia sorĉado validas, la „bildflanko“ ne. Kaj la lokoj de maldekstre dekstren validas 1, 2, 4, 8, 16, 32 ktp., ĉiam la lasta cifero duobligita. Tiamaniera vi povas meti ĉiun ajn nombron. Ekzemplo: montrota estu 98. Tio estas 64+32+2 tial: (b—bildflanko, v—valorflanko)

[b] [v] [b] [b] [b] [v] [v] . . .

. . . je la fino vi povas meti tiom da bildflankaj moneroj, kiom vi havas, por konfuzigi la divenontajn. Same vi povas meti la monerojn diversmaniere aŭ kurbe aŭ kelkajn pli supren aŭ formi angulon ktp. Atentu nur, ke la amiko ĉiam klare vidu, kiu estas la sekvanta monero. Provu foje!

Kiu scias aliajn manierojn por sorĉi? Sendu ilin al Erika Linz, Wolfpassing, Post Zeiselmauer, Niederösterreich.

## Humoro.

Red. reg. kons. Fr. Stengel.

**Konsekvence.**

„Vidu, panjo, tiu onklo ne havas harojn sur la kapo.“

„Ŝt, ne tiel laŭte, li povas aŭdi tion.“

„Ĉu li do ne scias tion.“

*

**Edziĝfesta donaco.**

„Kion vi transdonis al via nevino kie edziĝfestan donacon?

„Aŭton.“

„Estis ĝentile. Kie ili pasigis la karesmonaton?“

„En malsanulejo.“

*

**Verkista ĝojo.**

„Helpe de miaj lastaj poemoj mi povis vivi tutan monaton.“

„Vi do trovis eldoniston, kiu aĉetis ilin?“

„Ne, li elĵetis min kaj mi ricevis 200 kronojn kiel kompenson pro dolorigo kaj sufero.“

*

**Fatala komplimento.**

„Ho, s-ro Svenson, se vi ne tuj ĉesos komplimenti, mi kaŝos la orelojn sub la manoj.“

„Kara f-ino Larson, tio ne eblas. La manoj estas tro malgrandaj.“

---

devis sidigi sin laca sur arbartrunkon. Baldaŭ lin venkis la dormo, kiam lin vekis infera bruo kaj brul-odoraĉo el lia dormo. Antaŭ li staris timiga estaĵo kun kapro-piedoj, du kornoj sur la kapo kaj kun longa forko en la mano. Tiu estis la vera satano, kiu sin prezentis kiel la ĉefan princon de l' infero al Jakob, subite vekita el la revo. Kiam Jakob estis retrankviliĝinta de sia unua ektimego, la diablo faris la proponon, ke li vendu al li sian animon, por kiu li donus al li rimedon, per kiu li povus sin fari tuj nevideble por la ĉasisto. Unue interna teruro ekkaptis Jakob, sed poste la ĉasopasio silentigis ĉiujn skrupulojn kaj per la sango de sia dika fingro, en kiun la diablo estis pikinta lin, li subskribis la kontrakton, laŭ kiu li vendis sian animon al la diablo por livero de la diabla rimedo.

„Precize post 20 jaroj de hodiaŭ“, diris la diablo, „kiam la turhorloĝo en la vilaĝo tie malsupre eksonos la dekduan horon, vi devos esti preta sur ĉi tiu loko, ĉar tiam mi venos por preni vian animon. Sed ĝis ĉi tiu tago vi povos ĉasi kaj mortpafi, kiom vi volas, kaj via kuglo neniam maltrafos sian celon. Sed kiam vi vidos la ĉasiston, nur turnu vin trifoje maldekstren ĉirkaŭ via propra akso kaj tuj vi estos aliformata je ligno-trunko. Sed la ĉasisto ne povos difekti al vi eĉ unu haron.“ Post ĉi tiuj vortoj la diablo malaperis kaj la vento muĝis tra la arbaro, disigante la postrestintan fiodoron sulfuran.

Jakob iris hejmen kaj jam la venintan tagon li komencis senbridan ĉasadon. Neniu cervo, kiu staris ie en la valo, evitis lian celtrafan kuglon kaj, se ankaŭ la ĉasisto tage kaj nokte estis post li, kiam Jakob lin ie ekvidis, li turnis sin trifoje maldekstren kaj en la momento tie, kie li estis starinta, supreniĝis arbotrunko. Tiamaniere li fiagadis dum 20 jaroj, lia kelo neniam estis malplena je pafita ĉasaĵo, sed la bedaŭrindan ĉasiston li preskaŭ frenezigis pro sia senbrida agado. Lacege la forstisto iutage kuŝiĝis en la liton kaj mortis. Sed kiam la dudeka datreveno de tiu kruela kontrakto alproksimiĝis, Jakob ĉirkaŭvagadis mediteme kun mallevita kapo

